DUMONATA. N-ro 3. FEBRUARO 1947.
BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich : — Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser :
**230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).**

## NI REE RENKONTIĜU

Jam antaŭ pli ol unu jaro, la estraro de Belga Ligo dekretis la restarigon de nia por-esperanta laboro.

Kaj tiu estraro ekfunkciigis la plej gravajn fakojn de la movado.

Sed Ligo, kaj precipe nia Belga Ligo estas nur la ligilo, kiu kunigas la grupojn kaj ordigas ties laboron.

Nia Ligo tial povos farti vere bone, la tagon nur, kiam la plej fortaj grupoj en la lando same bone fartos.

Tio ne jam estis fakto pasintan jaron kaj tial la principa decido, jam kunvenigi dum la tiamaj Pentekostaj tagoj, kongreson en Bruselo, povis ŝajni tro rapida... kaj ĝi estis !

Sed intertempe, unu post alia, la diversaj grupoj revigliĝis aŭ almenaŭ revenis al la propaganda vivo.

Kelkaj jam organizis kursojn kaj se tiuj ĉi ne havis ĉiam same kontentigan rezultaton kiel antaŭ la milito, pro la longa stagnado de ĉia propagando en nia lando, ni tamen sentas ke juna, nova sango jam malrapide enfluas la malnovan korpon kaj iom post iom ankaŭ revigligos ĝin.

Tial la estraro decidis unuanime alvoki ĉiujn malnovajn esperantistojn, kaj ankaŭ la novvenintojn, al unua postmilita kongreso, al kiu ĉiu havos la devon partopreni, por rekrei la rektan kaj tiel sincere amikan kontakton, kiu ekzistis antaŭe inter la Liganoj de ĉiuj niaj provincoj.

Ĉar la Grupo « La Verda Stelo », unu el la plej malnovaj grupoj de nia lando, ekzistas jam de 40 jaroj kaj festas nunmomente sian jubileon, la gvidantoj de tiu nia sekcio proponis al la estraro de la Ligo organizi tiun unuan Kongreson kaj Belga Ligo danke akceptis.

Preparo de tia Kongreso estas, en la nunaj cirkonstancoj, multe pli malfacila ol iam antaŭe. Tial la promesoj pri partopreno devus esti sendataj multe pli frue ol tio kutime okazas.

Kaj en mia duobla funkcio de estrarano de Belga Ligo kaj de prezidanto de la jubileanta grupo, mi alvokas ĉiujn amikojn, kiujn ni havis kaj konservis inter la Belga samideanaro, firme aliĝi, jam de nun, al tiu kongreso, kiu devas iĝi sukceso, se ni volas, ke nia propaganda laboro ricevu tujan kaj viglan antaŭenpuŝon, kiu permesos al grupoj retrovi baldaŭ sian antaŭmilitan forton kaj samtempe doni al la Ligo la rimedojn, kiuj ebligos la reprenon de niaj diversaj propagandaj laboroj kaj, inter aliaj, la ree regulan eldonon de nia revuo « Belga Esperantisto ».

Por ĉiuj do la devizo estu : **Al Antverpeno !** Maur. JAUMOTTE.

LISEZ L'ARTICLE DE PROPAGANDE, p. 20.
LEEST HET PROPAGANDA-ARTIKEL, blz. 21.

## ESTRARA KUNSIDO

8a de Decembro 1946.

Ĉiuj estraranoj ĉeestis.

1. Legado kaj aprobo de l'protokolo de la antaŭa kunsido.
2. **Financa situacio.** — Ĝi estas sufiĉe kontentiga; la estraro esprimis la deziron ke la kotizoj envenu pli akurate, kaj ke la grupoj regule alsendu pagojn kaj listojn de membroj al la Liga kasisto.
3. **Bulteno.** — Ĝia eldono estos daŭrigata en la nuna formo. Estis decidite, sendi propagandcele la Bultenon al la redakcioj de ĉiusemanaj provincaj gazetoj. La membroj bonvolu sendi al la Ĝenerala sekretario titolojn kaj adresojn de tiaj gazetoj.
4. **Anoncoj.** — Oni fiksis tarifon por la anoncoj en la Bulteno.
5. **Petskribado al O. N. U.** — Ĝi estas daŭrigota.
6. **Belga Kongreso 1947.** — Laŭ propono de S-ro Jaumotte, ĝi okazos, je Pentekosto, en Antverpeno. La Estraro esprimis sian dankon al la Antverpenaj samideanoj, kiuj akceptis preni sur sin la aranĝon de nia ĉiujara festo.

La Ĝenerala Sekretario,
C. VANDEVELDE.

## LA UNUA POSTMILITA NACIA KONGRESO

**Antverpeno, 24-26a de Majo 1947a.**

En sia lasta kunsido, la estraro de Reĝa Belga Ligo Esperantista decidis akcepti la inviton de gvidantoj de la Antverpena sekcio « La Verdo Stelo », organizi la unuan postmilitan belgan kongreson, en Antverpeno, okaze de la 40jara jubileo de tiu grupo.

Ĉiuj, kiuj memoras ankoraŭ la bele sukcesintajn tagojn de la kongreso de 1937, okaze de la 30jara jubileo de tiu grupo, certe fidos niajn antverpenajn amikojn por la organizo de la diversaj aranĝoj.

La Ligestraro tamen atentigas pri la malfacilajoj ĉiuspecaj, kiujn renkontas organizantoj nunmomente, kaj tial petas ke la aliĝoj al la kongreso estu sendataj, senprokraste, al la adreso de la L. K. K., 44, De Bruynlaan, Wilrijk.

La Kongresa kotizo estas fiksata je Fr. 35 kaj tiu sumo estas sendota al la P. C. K. 1700.10 de la Prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte.

La detaloj pri la diversaj aranĝoj kaj la kostoj estos konigataj en nia sekvanta bulteno, sed tio ne povas esti kaŭzo por ne sendi, JAM DE NUN, sian aliĝon kun la unua pago.

**Ĉiu faru tuj sian devon !**

## UNESCO

ESTAS ORGANIZAJO de l'Unuiĝintaj Nacioj, por Eduko kaj Sciencoj; ĝia programo estas belega kaj larĝe homama. Ĉiu klera homo havas la devon helpi la efektivigon de tiu programo, kiu apogiĝas sur pligravigo de la intelektaj rilatoj internaciaj. Esperanto povas esti tiucele plej grava helpilo. Estas do tre dezirinde ke la nombro da subskribintoj de la Deklaro petskriba pri internacia lingvo estu tre grava. Ĝis nun pli ol 5000 deklarfolioj estas subskribitaj en Belgujo. Tiu petskribado estas ankaŭ bonega rimedo por diskonigi en nia lando mem la ideon de la internacia lingvo. Se « ĉiuj » Belgaj esperantistoj havus tiom da fervoro kiom kelkaj el ili, la nombro da Belgaj subskribintoj fariĝus facile 20.000. Ĉiu helpu do, klopodante parole, NE skribe, al personoj kapablaj iam fariĝi lertaj esperantistoj. B. L.

## LINGVA BABILADO

Iam mi aŭdis esperantiston uzi la vorton « darfi », mi demandis lin : « Ĉu al tiu vorto vi donas la signifon « maltimi » ? ».

Post pripenso li respondis : « Jes ». — Kial do vi uzas « darfi » ? — Mi trovis ĝin en mia vortaro. — Mi dubas pri la taŭgeco de tiu vortaro, ĉar la vorto « darfi » ne estas akceptita de la Akademio, kaj verŝajne neniu proponis ĝin; ĝi ja estas senutila. — Ho, oni ne devas atenti la Akademion, ĉar la lingvo evoluas tute nature; vortoj aperas, aliaj malaperas. — La ordinaraj lingvoj evoluis « tute nature », tio estas senorde; pro tio ili estas plenaj je absurdaĵoj (ekzemple la gramatikaj seksoj); iliaj vortoj estas tiel multaj ke unu prenas la signifojn de aliaj; tiel fariĝas malfacile memori ilian ĉefan sencon.

— Tiu danĝero ne ekzistas por Esperanto. — Kial do ne ? — Ĉar Esperanto estas internacia. — Sed se la germanlingvaj esperantistoj uzas « darfi », la franclingvanoj povus uzi « ozi », kaj alinlingvaj esperantistoj povus ankaŭ forĝi vortojn samsignifajn. Ĉu vi konas « Fundamento'n de Esperanto » ? — Jes, mi aŭdis pri ĝi. — Ĉu vi posedas ekzempleron de tiu verko ? — Ne, mi ne bezonas ĝin, ĉar mi havas lernolibron kaj vortaron.

— Ĉu vi konas « Oficiala'n Klasika'n Libro'n de Esperanto » ? — Mi neniam aŭdis ion pri ĝi; kaj mi ne bezonas « klasikan » libron ».

Espereble la gelegantoj de nia « Bulteno » estas pli sagacaj ol la sinjoro, kiu, havante lernolibron kaj vortaron, ne ŝatas Akademion, Fundamenton, Oficialan klasikan libron, kiuj estas la ŝirmiloj de la internacia lingvo. En la Oficiala Klasika Libro de Esperanto, la Akademio **atentigas la aŭtorojn de lernolibroj (vortaroj, gramatikoj, ekzercaroj), pri la danĝero de degenerado por nia lingvo, se ili arogas al si la rajton proponi aŭ eĉ uzi aŭ citi novajn vortojn ne pravigitajn de la ĝenerala kutimo.**

La « Universala Vortaro » de « Fundamento de Esperanto » enhavas 2858 radikojn kaj vortelementojn. En la Oficiala Klasika Libro estas 1550 pliaj radikoj (unua, dua kaj tria aldonoj al la Universala Vortaro). Poste aperis ankoraŭ tri oficialaj aldonoj en kiuj estas tute 147 radikoj. La tuta nombro de la oficialaj vortelementoj estas do 4355. Per tio kaj per lerta uzo de la afiksoj, oni ne bezonas en « literaturo » uzi neoficialajn vortojn. Antaŭ la Milito Japana Kongreso de Esperantistoj forte protestis kontraŭ la senpripensemon de iuj Eŭropaj literaturistoj. ESPERANTO ESTAS DEDIĈATA POR LA TUTA MONDO, NE NUR POR EŬROPO. C. V.

## MENSO SANA EN KORPO SANA

Aplikante tiun antikvan sentencon, « Miss Universo » iama reĝino internacia en konkurso pri beleco, skribis al la fama Angla romana kaj teatra verkisto, kaj ankaŭ ironiulo, Bernard Shaw, leteron, en kiu estis jeno : « Vi estas la plej inteligenta viro en la mondo; mi estas ĉiukonsente la plej bela virino en la mondo. Ni geedziĝu; pensu pri la admirindaĵo : niaj infanoj estos la plej inteligentaj kaj la plej belaj en la mondo ».

La verkisto respondis : « Fraŭlino, mi ne povas akcepti vian proponon, ĉar mi teruriĝas pro la penso ke niaj infanoj povus havi mian vizaĝon kaj vian cerbon ». F. D.

## SENUTILA TEMPOPERDO

Oni kalkulis, ke ĉiu unuhora parolado, farita en la angla lingvo dum la Generala Kunsido de U. N. O. postulas proksimume 288 horojn da laboro de la Generala Sekretariejo por la traduko en la diversajn lingvojn.

(Trad. el « Nederlanda Esperantisto ».)

## REFERENCES

De magnifiques découvertes comme celles de Christophe Colomb et de Pasteur, les chemins de fer, la Tour Eifel, ont trouvé d'illustres opposants, dont le jugement était fortement influencé par la « déformation professionnelle ». Il n'en a pas été autrement de l'idée de la langue auxiliaire internationale. Mais des penseurs ne cédant pas à l'impulsion ou à la déformation professionnelle, jugent objectivement et autrement; exemples :

**LEIBNIZ** (1646-1716), philosophe, savant universel, inventeur de la féconde **analyse mathématique infinitésimale.** Louis Couturat a publié en 1903 (Paris, F. Alcan) une partie des œuvres manuscrites du grand philosophe, conservées à la Bibliothèque de Hanovre. Leibniz y préconisait une langue internationale, parlée et écrite, à grammaire très simple, et dont le vocabulaire serait tiré du latin.

**NIETSCHE** (1844-1900), philosophe. Dans « Humain, trop humain », il dit : « Comme le commerce des hommes devient de jour en jour plus cosmopolite, et que, par exemple, un bon négociant de Londres doit dès à présent (1876) se faire comprendre oralement et par écrit en huit langues, il faut avouer que l'étude de plusieurs langues est un mal nécessaire; mais aussi il finira, en arrivant à l'extrême, par forcer l'humanité à trouver un remède; et dans un avenir aussi lointain qu'on voudra, il y aura pour tout le monde une langue nouvelle qui servira d'abord de moyen de communication au trafic, ensuite aux relations intellectuelles, aussi certainement qu'il y aura un jour une navigation aérienne ».

**TOLSTOI** (1828-1910), moraliste. Dans « Nedela 24 », 1894 : « Pour que les hommes se comprennent les uns les autres il faut, ou que toutes les langues se confondent en une seule, ce qui ne pourrait arriver que dans un temps éloigné, ou que tous les hommes possèdent toutes les langues, ou que toutes les nations aient une langue internationale facile. Ceci me paraît ce qu'il y a de plus sage et le mieux réalisable ».

**Général LEMAN,** le héros de Liége en 1914, mathématicien membre de l'Académie de Belgique (1851-1920). Dans un article publié peu après la guerre 1914-1918 par la « Belgique Coloniale », Leman s'exprimait comme suit : « La découverte de Zamenhof (auteur de l'Espéranto) est, au point de vue de l'expansion mondiale, la plus grande de toutes; elle est destinée à renouveler l'univers au point de vue économique et à multiplier par un coefficient immense la production du monde... L'indifférence à ce sujet est vraiment navrante et démontre, plus encore que les guerres, l'odieuse barbarie dans laquelle croupit encore l'humanité. Il faut que le XXe siècle fasse disparaître une hérésie aussi criminelle ».

**D'ARSONVAL, BAZU, Daniel BERTHELOT, Gaston BONNIER, BIGOURDAN, Général BOURGEOIS, C. BRETON, J. CARPENTIER, CHARPY, CONSTANTIN, DESLANDRES, Amiral FOURNIER, GOSSET, JANET, LALLEMAND, Maurice LEBLANC, LECORNU, LINDET, LUMIERE, Prince de MONACO, Charles MOUREUX, Charles RICHET, Général SEBERT, Fernand WIDAL,** tous membres de l'**Académie des Sciences de France,** ont, en 1921, publié un manifeste préconisant l'emploi de l'espéranto dans les congrès scientifiques internationaux et dans les publications scientifiques et techniques destinées à l'étranger.

**Tristan BERNARD :** « Si un Français doit discuter avec des Anglais en ne sachant pas parfaitement leur langue, il vaut mieux qu'il ait l'air de ne pas la savoir du tout; les autres essaieront de parler français et les Français auront la supériorité de la langue. Mais si les Anglais veulent aussi garder la supériorité, on s'examinera noblement et dignement sans rien dire. Voilà pourquoi je suis devenu espérantiste ».

## ESPERANTO EN... PHYSIOLOGIE

Uit het werk « Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia », de Unuel, vertaald door M. W. De Schutter, putten wij het volgende :

« Er bestaan in werkelijkheid menschen, die met wetenschappelijken bombast beweren dat de taal een natuurlijk organisch iets is, dat afhangt van afzonderlijke physiologische eigenschappen van de spraakorganen van ieder volk, beïnvloed door klimaat, erfelijkheid, kruising der rassen, geschiedkundige toestanden, enz... En op de massa maken deze geleerde woorden grooten indruk, vooral indien zij op voldoende wijze doorvlochten zijn met verschillende aanhalingen en voor die massa geheimzinnige technische termen. Maar een ontwikkeld mensch, die den moed heeft een eigen oordeel te hebben, weet immers zeer goed dat dit alles slechts ledig, schijnwetenschappeljik gebabbel is, dat geen zin heeft, en dat door het eerste het beste kind gemakkelijk kan omvergeworpen worden. Uit de alledaagsche ondervinding weten wij allen inderdaad zeer goed, dat indien wij een kind nemen uit gelijk welk land of natie en het vanaf den dag van zijn geboorte opvoeden onder personen van een gansch vreemde natie, ware het zelfs bij onze tegenvoeters, het kind in de taal van deze natie even zoo goed en zuiver spreken zal, als iedere natuurlijke zoon van deze natie. Indien het voor een « volwassen » mensch gewoonlijk moeilijk is een vreemde taal te leeren, komt dat immers niet voort uit de samenstelling van zijn spraakorganen. maar eenvoudig uit het feit dat hij geen geduld, geen tijd, geen leeraars, geen middelen, enz., heeft. Deze zelfde volwassene zou inderdaad dezelfde moeilijkheden ontmoeten bij het aanleeren van zijn « moedertaal », indien hij in zijn jeugd niet in deze taal ware grootgebracht, maar haar nu moest leeren door middel van lessen. Eindelijk « moet » toch ieder ontwikkeld mensch thans ook enkele vreemde talen leeren. Hij zal daarom niet die talen kiezen, die bijna aangepast zijn aan zijn spraakorganen, maar slechts die, welke hij « noodig heeft ». Er is dus niets onmogelijks in, dat in plaats dat een ieder « verschillende » talen leert, allen slechts éénzelfde taal zouden leeren, en dat bijgevolg allen elkaar zouden begrijpen.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

» Gij hebt waarschijnlijk vernomen **een taal kan niet geschapen worden in een kamer, zooals een levend wezen niet kan geschapen worden in de kolfflesschen van een scheikundige ?** Deze zin klinkt zoo schoon en zoo « geleerd », dat hij voor de groote meerderheid der menschen geen twijfel overlaat, dat een kunstmatige taal een kinderachtigheid is. En nochtans, indien deze menschen zooveel eigen critisch oordeel hadden om een kleine, zeer kleine vraag te stellen : « Waarom ? », dan zou deze luidklinkende zin in hun oogen opeens alle beteekenis verliezen, want dan zouden zij inzien, dat er geen enkel logisch antwoord bestaat; dat deze zin enkel een schoonklinkende woordenreeks is, die elken logischen grondslag mist. Gansch denzelfden zin zou men overigens ook kunnen gebruiken tegen het kunstmatige alphabet, dat de menscheid reeds zoo lang gebruikt met het grootste nut... en tegen onze gansche kunstmatige beschaving. »

**Opmerking.** — De uitdrukking « kunstmatige taal » (« artefarita lingvo ») in den origineelen tekst van Unuel, heeft hier niet de beteekenis van « gansch willekeurig uitgevonden zonder philologischen oorsprong ». Esperanto is afkomstig van de Europeesche talen die historisch evolueerden; de evolutie werd voortgezet, logisch en regelmatig gemaakt, door een genialen denker : L. L. Zamenhof.

## MASTRUMA AFERO

Sinjorino kaj Sinjoro, geesperantistoj, ĉu dum iuj monatoj via mastrumado povas okazi senmone? Ĉu la enspezoj, kiujn vi bezonas de l'komenco de l'jaro povas alveni nur en Julio Aŭgusto, eĉ pli malfrue?

Esperantistoj estas sindonemaj homoj. Kial do nemalmultaj el ili pagas sian kotizaĵon nur malfrue? Simple pro malbona kutimo, kiun oni povas facile forigi: se dum iom da tempo oni ne povas ĉeesti grupajn kunsidojn, por pagi sian kotizaĵon, oni memoru ke la poŝto havas rimedojn por transdoni monon. Reĝa Belga Ligo Esperantista, kiel ĉiu ajn societo, devas pretigi sian jaran budĝeton: de la komenco de l'jaro ĝi devas scii kiom ĝi povos elspezi por propagando kaj por Bulteno. Ĉiu sendu do « tuj » al la kasisto de sia Grupo la regulan kotizaĵon. La izoluloj ne forgesu la numeron de la poŝtĉekkonto de Reĝa Belga Ligo Esperantista: 1337.67, La Louvière. Oni ne okazigu al nia kasisto la malagrablan aventuron de iu franca kolego de li, kies barbon malbonaj junuloj tondis, tial ke la kotizaĵoj ne regule alvenis. JE LA PREZO DE KELKAJ SENUTILAJ BAGATELOJ SUBTENU UTILEGAN MOVADON.

B. L.

## GRUPAJ KRONIKOJ

— ANTVERPENO. — *Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».* — Tiu grupo, kies membroj jam, de diversaj monatoj, partoprenis al la laboroj de E. K. I., nun denove aparte kunvenas kaj laboras.

Unua kunsido ĉeestita de multaj malnovaj samideanoj, okazis la 23an de Novembro. Post la memorigo de la mortintoj, S-ro Jaumotte elektiĝis novan sekretarion. S-ro Cattoir, nova esperantisto prenos sur sin tiun taskon, dum la aliaj estraranoj konservos siajn postenojn ĝis sekvonta ĝenerala kunsido. S-ro Wauters, de nun, reakceptus kotizojn.

Ĉar la grupo decidis kunveni ĉiun unuan sabaton de la monato, S-ro Vermandere faris, la 7an de Decembro, tre allogan paroladon pri la laboro de la Ruĝa Kruco kaj pli speciale pri fako, kiun li estris.

Li akiris grandan sukceson, same kiel S-ro Hector Vermuyten, kiu la 4an de Januaro donis tre spritajn klarigojn pri la « pulo » kaj aliaj bestetoj de similaj familioj!

Por Februaro, estas antaŭvidata unua manĝofesteto.

— BRUĜA GRUPO. — REĜA SOCIETO. — Ĝenerala kunsido okazis la 14an de Januaro kaj elektis aŭ reelektis kiel komitatanoj: S-rojn Poupeye, De Coster, Verplancke kaj Demeulenaere, kaj F-inojn Boereboom, Huyghe kaj Gilleman. Al S-ro Guillaume, eksiĝinta pro sanecaj motivoj estos proponata la titolo de Honora Kasisto pro lia multjara kaj zorgema plenumo de tiu funkcio. La prezidanto, en sia morala raporto, alvokis la grupanojn al aktiveco kaj laboremo por ke la Grupo povu baldaŭ festi sian 100an membron.

*Programo por Februaro kaj Marto:* la 4an, kartludo; la 11an, interparolaj ekzercoj; la 18an, Societaj ludoj; la 25an, Kanta vespero.

Kotizoj por 1947 (70 fr.; familianoj 35 fr.) estas pageblaj ĉu dum kunveno, ĉu ĉe la kasisto, S-ro K. De Coster, Verbrand Nieuwland, 4, ĉu al P. Ĉ. K. 2114.92 de la Prezidanto, Ch. Poupeye, Brugge.

— BRUSELA GRUPO de Belga Ligo Esperantista, dum unu el siaj kutimaj lundaj kunsidoj, ricevis kun plezuro surprizan viziton de Franca kaj de Skota samideanoj. La 6an de Januaro S-ino Elly Staes faris tre interesan paroladon pri la genia verko de Louis Braille, aŭtoro de la reliefa skribado, kiu permesas al la blinduloj skribi kaj legi. Per kortuŝaj vortoj S-ino Staes estigis ĉe la geaŭskultantoj gravan simpation al la geblinduloj de la tuta mondo, kaj precipe al niaj blindaj samideanoj. Tiu parolado sekvo de alvoko de Arĝentina Komitato por rememorigo de la Genia Kreinto de la reliefa sistemo, okaze de lia naskiĝtago, 4-an de Januaro.

La Brusela Grupo festos la 2an de Februaro (dimanĉon) sian tre estimatan prezidantinon, kiu de 35 jaroj estas fervora kaj aganta esperantistino. Ĝi esperas renkonti tiu okaze

multajn gesamideanojn en « Les Métiers », 20, Nova Strato, Bruselo, je 16 h. Por enskribiĝo oni sin turnu al S-ino J. Plyson, rue Jourdan, 185, Bruselo.

— PROGRAMO DE LA VENONTAJ KUNSIDOJ. — *Februaro* : la 3an, je 19.30, komitata kunveno; je la 20a, S-ro Van der Stempel parolos pri « Alkoholo kaj Aŭtomobil-akcidentoj »; la 10an, S-ro Oleffe pri « Vojaĝo en Oriento »; la 17an, F-ino Kestens, surpriza vespero; la 24an, S-ro Couppez, pri « La interna organizado de societoj ».

*Marto* : la 3an, je 19.30, komitata kunveno; je la 20a, S-ino Elly Staes, amuza vespero; la 10an, programo rezervita; la 17an, S-ro Everaerts, pri « Lignaj konstruaĵoj »; la 24an, F-ino Obozinski, pri « Vojaĝo en Provence »; la 31an, S-ro Hart, humoraĵoj.

*Aprilo* : la 7an, je 19.30, komitata kunsido; je la 20a, S-ino Ernst, literatura vespero; la 14an, programo rezervita; la 21an, S-ino Stern, pri « Francis de Croisset vojaĝis, li skribis »; la 28an, S-ro Castel, pri « Makulo sur Hispanujo ».

— GENT'A GRUPO inaŭguris, la 18an de Januaro, sian novan kunsidejon en la Ŝtata Mezgrada Lernejo. Kelkajn tagojn antaŭ ĉiu kunveno la grupanoj ricevas kunvokon per la poŝto, ĉar la sperto montris ke ĝeneralaj kaj tre fruaj kunvokoj facile forgesiĝas. En la kunsidoj la novuloj de l'perletera lecionaro alkutimiĝas al la parola uzado de nia lingvo, kaj la malnovaj grupanoj trovas la okazon konservi aŭ reakiri fluidecon de l'esperanta parolo. Tiuj, kiuj dum la milito iom forgesis siajn esperantajn sciojn, ne timu ke ili ĝeniĝos : la ekzercoj ankaŭ adaptiĝas por ili.

— EN VERVIERS ne jam restariĝis Grupo de Belga Ligo. Sed, de du monatoj, Ges-oj Jos. Henrion vigle agas por subskribigi la petskribadon al O. N. U. Tio antaŭvidigas eblecon de antaŭeniro.

## TRA LA GAZETARO

*7-12-46.* — « Victorie » (Knocke) informis pri vespera esperanta lecionaro organizata de Flandra Esperanto-Instituto.

*17-12-46.* — « Le Travail » (Verviers) presis (sen indiko de origino), la « Notice explicative », kiun *Belga Ligo* disdonis en la Suda parto de nia lando okaze de la petskribado al O. N. U. La gazeto aldonis, franclingve : « Legantoj, kiuj interesiĝas pri la lernado de Esperanto, povas ricevi de kamarado Jean Kairis, rue des Sports, à Stambert, utilajn sciigojn ».

*27-12-46.* — « La Meuse » presigis la kompletan tekston de la Deklaro al O. N. U. Tio helpas al reviviĝo de la esperanta ideo : ekzemple, leginto el Spa sendis al ni peton de konsiloj por organizado de lecionaro en tiu urbo. Komprenehle ni donis ilin.

*7-1-47.* — « Le Soir » (Bruxelles) informis pri festeto organizita de la *Portugala Esperanto-Ligo* por 21 belgaj orfoj pro la milito, kiuj dum kelkaj monatoj restadas ĉe la marbordo apud Estoril.

## TRA LA MONDO

— PORTUGALUJO. — Stariĝis *Portugala Esperanto-Ligo*, kun supertendenca strukturo. Adreso : Apartado, 125, Lisboa-N.

## AVIZOJ

S-ro Guy MONTEYNE, 65, boulevard Limburg-Stirum, Wemmel-Bruxelles, sciigis ke la « Fédération des Scouts Catholiques » komisiis lin por fondi, en tiu Federacio, esperantistan kernon, kiu faros senpagajn lecionojn pri Esperanto.

S-ro Ivan DIMOV sciigis ke la Esperantista Societo « Libereco », kies li estas sekretario, havas inter siaj anoj instruistojn, studentojn, ilegiston, muzikiston, elektroteknikiston kaj junulojn 17-22 jarajn, kiuj deziras korespondadi kun eksterlandaj samideanoj. La adreso de tiu Societo estas : V. GLAVACI-VRAČANSKO (Bulgarujo).

S-ro Octavio VIANNA PEIXOTO, rua Ouvidor, 108, Rio de Janeiro (Brazilo), deziras korespondantojn pri historio, lingvoj, deveno de popoloj kaj rasoj, k. t. p.

S-ro Ibeiro M. RODRIGUEZ, en Perez Millan, Buenos-Aires (Argentino), petas alsendon de uzitaj poŝtmarkoj. Li kompensos laŭdezire.

*Un COURS D'ESPERANTO commencera à Bruxelles, 198, rue Terre-Neuve, le mardi 3 février à 18 h. 30. Droit d'inscription : 100 francs.*

PASTELOJ ——

PASTILLE PECTORALE

**SWINNE**

EN ĈIUJ APOTEKOJ

LES ENTREPRISES

**DERKS**

226, Rogierstrato, BRUSELO
Tel. : 15.19.92

Entrepreno de
KONSTRUAĴOJ

**INTERNACIA ASOCIO DE POŜTMARK - KOLEKTANTOJ**

Jam aperis la unua numero de
— nia esperanto-angla organo —
**UNIVERSALA POŜTMARKA REVUO**
**—— Interesa, valora, bonkvalita. ——**

Specimeno kontraŭ sendo de belgaj poŝtmarkoj, je valoro de 3 frankoj.
Membroj de l'A.P.K. ricevas la révuon sempage
Jarkotizo 45 fr. post 30a de Junio 22,50 fr.
*Ĝenerala agento por Belgujo :*
S-ino M. DE RIJCKE, 26, Martelaarslaan
P. Ĉ. K. 108.54 GENTO

**G. FAES**

16, Schoenmarkt, 16

ANTVERPENO

—— Por via MUZIKO,
RADIO kaj GRAMOFONO

**Por viaj esperantaĵoj, libroj, insignoj k. c.**

**Esperantista Librejo**

24, Bodenbroekstrato, 24
Tel. : 11.71 03 BRUSELO

*kiu ankaŭ havigos al vi nacilingvajn librojn, revuojn kaj gazetojn, kaj ĉiuspecan skribmaterialon.*

**TARIFO DE LA ANONCOJ**

| | Unu anonco | Ses anoncoj |
|---|---|---|
| 1/8 paĝo... | 60,— | 300,— |
| 1/4 paĝo... | 100,— | 500,— |
| 1/2 paĝo... | 175,— | 800,— |
| 1 paĝo... | 300,— | 1500,— |

**pagotaj al la P.Ĉ.K. 1337.67 de R. B. L. E., La Louvière**

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

**KOTIZO : 70 fr. pagebla al via loka grupo aŭ al la poŝtĉekkonto 1337.67 de R. B. L. E.**

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98